# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; bulteno@esperanto-es.net

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

*La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-1252-31-0204011961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



**Hispana Esperanto-Federacio**

**www.esperanto-es.net**

**Kontonumero de HEF ĉe BBVA: 0182-1252-31-0204011961**

## Enhavo

# Ĝenerala Kunsido




Manolo Parra, Miguel Ángel Sancho kaj Pedro Garrote ĉe la prezida tablo.

La 28an de aŭgusto 2004 je la 10:15 horo en Colegio Mayor Deusto en Bilbao, okazis la Ordinara Ĝenerala Kunsido de Hispana Esperanto Federacio, laŭ siatempa alvoko. Ĉeestis 19 membroj, inter ili jenaj estraranoj: Miguel Ángel Sancho, prezidanto; Pedro Garrote, kasisto; Manuel Parra, sekretario; Luis Hernández kaj Miguel G. Adúriz, voĉdonantoj.

Traktitaj punktoj:

1) *Aprobo de la protokoloj de la du antaŭaj kunsidoj.*

La respektivaj tekstoj troviĝas en la numeroj 362 kaj 366 de Boletín. Tial ne necesis laŭtlegi ilin. Sen pliaj komentoj, la protokoloj estis unuanime aprobitaj.

2) *Komentoj pri la jam aprobitaj kontoetato kaj agadraporto de la jaro 2003.*

La dokumentoj konsulteblas en Boletín n-ro 365. La kasisto klarigis la konsiston de la ĉefaj kontoj. leviĝis la demando, kial HEF ne povas fari formalajn fakturojn pro vendataj libroj kaj pro aliaj servoj. La kialo kuŝas en la komplikaj demarŝoj por akiri la koncernan permeson. Iuj konsilas pretersalti la striktajn leĝajn procedurojn, kion la prezidanto tute oponas. Tamen, la Estraro konsideros eblajn alternativajn solvojn.

3) *La Prezidanto laŭtlegis la jarraporton de la jaro 2003 de Fundación Esperanto.*

Sekvis mallonga prikomento.

4) *Raporto pri la faritaj agadoj okaze de la centjara datreveno de la E-movado en Hispanio.*

La koncerna kunordiganto, Toño del Barrio, prezentis skriban detalan raporton pri tio farita dum la lasta jaro, kiun li voĉe resumis. Li rimarkigis, ke ne okazis vera skipa laboro pro manko de kunlaborantoj. Tamen la agado ja estis riĉa, kaj pro tio la kunsidantoj kore dankas kaj gratulas s-ro del Barrio.






La Prezidanto de UEA, Renato Corsetti, kaj s-rino Barbara Pietrzak, salutis la kunsidantaron.

5) *Invito la membrojn kandidatiĝi por la venontjara estrarelekto.*

La plejmulto el la estraranoj ne rekandidatiĝos en 2005. Tamen ili (redaktoro, prezidanto kaj sekretario) ofertas sian komencan asistadon al la novaj estroj.

6) *Propono eldoni adresaron de la membroj.*

Iu membro formale proponis ke HEF eldonu adresaron de ĉiuj siaj membroj. Iamaniere tio estas farita (vidu Boletín-366, paĝo 18); sed ĉi solvo ne ebligas senperan kontakton de unu membro kun alia.

Aperigo de vera adresaro postulas antaŭan permesopeton al ĉiu membro aparte, kaj ĝi inkluzivos nur la permesdonintojn. Poste, konsiderante la nombron de respondoj, la estraro decidos ĉu indas publikigi la adresaron.

*Demandoj, petoj, proponoj.*

Ĝis nun venis neniu sinpropono por organizado de la Hispana Kongreso en 2005. Do, la estraro petas ĉiujn lokajn grupojn konsideri la eblon okazigi en sia urbo la venontjaran kongreson.

Oni proponas ke HEF partoprenu en la 400-jara jubileo de la verko "El Quijote", okazonta en 2005. En rilato al la esperanta traduko de la verko, eblos prelegi, donaci ekzemplerojn al institucioj kaj disvendi aliajn.

La kunsidon ĉeestas la prezidanto de U.E.A., Renato Corsetti, kiu profitas la okazon por esprimi sian saluton al la Ĝenerala Kunsido de HEF, emfazante ke la eventualaj sukcesoj atingotaj ĉe la altaj instancoj plene dependas de la fortiĝo de la landaj E-movadoj.

Ankaŭ ĉeestas kaj salutas la kunsidon la ĉefredaktoro de Pola Radio en Esperanto, s-rino Barbara Pietrzak, kiu diras ke nia Boletín kutime estas por ŝi grava fonto de informoj.

Tial ke ne prezentiĝis pliaj traktendaj aferoj, je la 12:40 horo la prezidanto fermis la kunsidon.

*La Prezidanto, Miguel Ángel Sancho*
*La Sekretario, Manuel Parra*

# Estrarkunsido



La HEF-estraro kunsidis en Colegio Mayor Deusto, okaze de la kongreso en Bilbao, la 27an de aŭgusto 2004 de la 10a ĝis la 11a horo. Ĉeestis la estraranoj Miguel Gutiérrez, Pedro Garrote, Luis Hernández, kaj Manuel Parra.

Pritraktitaj aferoj:

1— La sekretario laŭtlegis la protokolon de la antaŭa kunsido (15.maj.2004, trovebla en Boletín-366), kaj oni ĝin aprobis.

2— Tial ke, provizore, ĝis nun alvenis neniu propono por okazigo de la Hispana Kongreso de 1995, la Estraro decidis esplori ajnan eblecon ĉe la membraro kiu ĉeestos la Ĝeneralan Kunsidon.

3— Por la venontjara elekto de nova estraro, la Estraro denove petos ĉiujn HEF-anojn konsideri kandidatiĝon al la estraj postenoj, sciante ke tute ne necesas loĝi en Madrido.

*La Prezidanto Miguel Ángel Sancho*
*La Sekretario Manolo Parra*

## Pago de kotizoj 2004

HEF sendis al la banko la pagigon por la kotizoj de 2004 nur meze de septembro. Kutime la pagigo okazas en februraro, sed ĉi-jare pro ŝanĝo de komputilo kaj banka programo, la afero tre prokrastiĝis. Unuafoje, la tuta procezo estas farita per interreto, rekte ĉe la bankaj retpaĝoj. Tial la laboro ekfunkciigi la sistemon postulis pli da tempo ol kutime, sed de nun la tasko estos realigebla sendepende de komputilo aŭ speciala programaro, kaj la pagigoj okazos regule komence de la jaro, plej malfrue en februaro.

*Manolo Parra*

# Kongresi por vivi

De la 25a ĝis la 29a de aŭgusto, okazis en Bilbao la 6a Eŭrop-Unia Esperanto-Kongreso, kaj la 63a Hispana Esperanto-Kongreso (oni notu ke Bilbao jam 5-foje gastis hispanajn kongresojn en 1924, 1953, 1966, 1989 kaj nun en 2004!).

La bonega, eĉ luksa, restadejo, Colegio Mayor Deusto, estis la hejmo de la plimulto de alvenantaj kongresanoj. Fakte, la partopreno estis granda kaj diversa. Venis homoj el preskaŭ la tuta Eŭropa Unio kaj el aliaj eŭropaj landoj. Entute, bunta partopreno de ĉirkaŭ 300 geesperantistoj el 24 landoj.

Pluraj kongresaj aranĝoj okazis en la salonoj de la restadejo, interaliaj la kunsidoj de HEF, kelkaj prelegoj, la interkona vespero kaj la prezentado de la tri laste aperintaj verkoj pri kiuj ni parolos poste.

Ne malproksime de la ĝenerala loĝejo staris la impona silueto de la kongresejo, Palacio Euskalduna (vidu foton sur la 12a paĝo). Nu, bonega elekto malgraŭ la senduba altega prezo, kiun verŝajne oni devis pagi por ĝi.

La unua sukceso de la kongreso venis jam en la unua tago, kiam la gazetara






Jen la prezida tablo dum la inaŭguro de la Kongreso en Palacio Euskaldun.

konferenco, kunvokita de la organiza komitato, ricevis la neatenditan viziton de la reprezentantojn de kelkdeko, jes kelkdeko, da amaskomunikiloj, de ĉiuj ĵurnaloj de Bilbao, de nacia kaj de lokaj televidoj, kaj de ĉiuj lokaj radiostacioj! Cetere, informoj pri la kongreso aperis ĉiutage en la ĵurnaloj de la urbo, kaj ankaŭ en ĵurnaloj kun tuthispana distribuo.

La Solena Malfermo okazis en la ĉefa salono de la grandioza "Eŭska Palaco", kie s-ro Michael Cwik el Belgio festpre-



Supre: Jesús Miguel García Iturrioz kaj la Prezidanto de EEU, Sean O'Riain.



Tipa festas etoso dum la interkona vespero okazinta en salono de la restadejo, Colegio Mayor Deusto.



Sube: la Prezidanto kaj unu el la helpemaj membroj de la organiza komitato, Maria Lurdes Martinez.



Kiel kutime, Antonio del Barrio faris bone dokumentitan prezenton. En Bilbao li parolis pri "Historio de la vaska laborista movado".

legis pri la temo "Eŭropa Unuiĝo: Esperanto por multlingva mondo". Ankaŭ parolis la Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, Jesús Miguel García Iturrioz, kaj la Prezidanto de EEU, Sean O'Riain. Sur giganta ekrano lumis la simboloj de la kongreso kaj, fine, ondis la esperanta kaj eŭropa flagoj kaj videblis belaj eŭropaj bildoj dum sonis kaj la eŭropa kaj la esperanta himno, kiujn la kongresanoj kunkantis.

Tiel komenciĝis kongreso, kiu, precipe, traktis la strategion de la E-movado cele al agnosko de nia lingvo kiel oficiala lingvo en la eduksistemo de la landoj, kiuj nun konsistigas EU-on. Tiucele, ĉiutage okazis kunvenojn de la EEU-komitato. Oni debatis pri la rolo de



Antoaneta Nikolaeva alportis per sia prelego bulgaran vidpunkton al la kongreso.



Rafaela Urueña parolis pri juro en rilato al la kresko de la Eŭropa Unio.



Jak Le Puil venis kun sia edzino Armela al Bilbao. Bedaŭrinde li ne regalis nin per siaj kanzonoj, kvankam li anoncis la baldaŭan aperon de k-disko.



La organiza skipo streĉe kaj senlace laboris dum la tuta kongreso por fluigi la disvolviĝon de la aranĝo, kaj solvi eĉ plej etajn problemojn.

la brusela oficejo kaj decidis daŭrigi la laboron ĝis nun faritan por la agnosko de Esperanto kiel oficialan lingvon fare de la Eŭroparlamento.

Aparte interesaj prelegoj en rilato al la temo de la kongreso estis: "Juraj aspektoj pri la pligrandigo de la Eŭropa Unio" de la iama Prezidantino de HEF, Rafaela Urueña. "Vidpunktoj pri Eŭropa Unio el neunia esperanto lando" de Antoaneta Nikolaeva el Bulgario. "Kian Eŭropon ni volas aŭ bezonas" de Michael Cwik, kaj "Eŭropa identeco mallonge" de Zlatko Tisxljar el Kroatio.

Aliaj prelegoj ne ligitaj al la temo de la kongreso sed al vaska lando estis: "Historio de la vaska laborista movado" de Antonio del Barrio, kaj "Informa pre-



Jen la Prezidanto de EEU, Sean O'Riain, afable pozis por ni en unu el la paŭzoj



Abel Montagut venis al Bilbao por prezenti sian lastan E-verkon "La enigmo de l' ar@neo".



Ana Manero kaj Manolo Pancorbo cerbumas pri la estonteco de HEF kun la Libroservo en la fono.




Prelegoj, kolokvoj kaj debatoj malfermitaj al la tuta kongresanaro riĉigis la Rezolucion de Bilbao.

lego pri Bilbao" de Jesús Miguel García Iturrioz.

Salutinda estas la fakto ke fine de ĉiuj prelegoj, senescepte, okazis vervaj kaj longaj kolokvoj kun la ĉeestantoj. Resumo de ĉiu prelego oni povas legi sur la paĝoj de la kongreslibro.

En la solena malfermo de la EEU-kongreso oni diskonigis, kiel sintezo de la debatoj, la Rezolucion de Bilbao, kiun vi povas legi sur la 12a paĝo. La venonta EEU-kongreso okazos post tri jaroj en Maribor, Slovenio.

Nur du mankoj: la nova eŭroparlamentanino Margareta Handzlik ne povis ĉeesti la kongreson pro malsano de familiano, kaj la "Seminario pri Interreto" ne okazis pro teknikaj kialoj.



Ankaŭ en la fermo de la Kongreso estis debato, kaj fine la neevitebla interkonsento.





La Direktoro de Fundación Esperanto vigle aktivis sur diversaj kampoj laŭlonge de la tuta Kongreso.



Darío Rodríguez, la helpo en la ombro, la vigliganto de la interreta forumo "Esperanto-en-Hispanio".



Folklora muziko kun dana gusto ne nur alportis gajon, sed ankaŭ dancigis la kongresanojn.

75 hispanoj partoprenis la kongreson, inter ili pluraj gejunuloj, tamen nur 19 homoj ĉeestis la Ĝenerala Kunsidon de HEF (pri tiu kunsido legu sur la 2a paĝo). Venontjare okazos la renovigo de la HEF-estraro, kaj pluraj estraranoj jam anoncis ke ili ne kandidatos por reelektado: la Sekretario, la Prezidanto, la Redaktoro de Boletín...). Aliaj asocioj kaj grupoj kunsidis en Bilbao, ekzemple SATeH.

Gajaj programeroj estis la interkona vespero, en kiu okazis la kutimaj renkontoj de malnovaj amikoj. La oficiala bankedo, kiun partoprenis granda nombro da kongresanoj, en la luksa restoracio "Casa Vasca". Publika spektaklo vespere prezentita de pola ensemblo an-



La Libroservo, kiu montris sin aparte sukcesa, funkciis danke al la sindona laboro de Pedro Sanz... kaj lia filino.



La ĝenerala partopreno en ĉiu aranĝo estis alta laŭnombre kaj ankaŭ laŭ la nivelo de engaĝo.



La oficiala bankedo, kaj la frata kunmanĝado, okaze de la vizito al Gernika, kontentigis plej postulemajn palatojn.



Pluraj grupoj de arto-amantoj havis la eblecon viziti la Muzeon Guggenhaim je rabatita prezo, danke al la strebo de la kongresaj organizantoj.

taŭ Teatro Arriaga. La oficiala foto de la kongreso kaj la diversaj ekskursoj tra la urbo ĝis la monto Artxanda, kaj tra la rivero ĝis Portugalete. Ankaŭ la viziton al la eksterordinara Muzeo Guggenheim, kaj la tuttaga ekskurso al la urbo Gernika.

La prezento de novaj libroj montriĝis aparte sukcesa, malgraŭ tio ke la salono ne disponis la necesajn elektronikajn aparatojn kaj la fakto ke la organizantoj disponigis nur duonhoron, anstataŭ plenan horon, por la prezentado de tri verkoj. Joxemari Sarasua prezentis la okan numeron de Hispana Literaturo; "Suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj" de Pio Baroja. Abel Montagut parolis pri sia lasta E-libro "La enigmo de l´ar@aneo", kaj



Estis pluraj ekskursoj por elektado, ekzemple boate vojaĝi tra la rivero de Bilbao ĝis Portugalete.






Jen la ...**respondo!**
**Kontribuu pere de:**
Iber-Caja
**2085-0101-13-0128624762**
La Caixa
**2100-2149-31-0100165085**



Du verkoj furoris dum la Kongreso, unu el ili estis la novelaro de Pío Baroja, 8a numero de la serio Hispana Literaturo, "Suzana kaj la ĉasistoj de muŝoj", brile tradukita de la bilbaano Joxemari Sarasua.

Antonio Valén prezentis sian hispanlingvan informlibron "El esperanto: lengua y cultura". Fine de la prezentado forvendiĝis, je favora prezo, la tuta stoko de libroj liveritaj de la eldonejo. Bonege!

Fine, ni agnosku la grandan sukceson de ne antaŭvidita kongresa servo, nome la libroservo, kiu evidente plibonigis la etoson. Sen ĝi, tutcerte, la kongreso estintus iom pli pala. Dankon al la deĵorantoj de SATeH, kiu vendis librojn, kartojn kaj diskojn kies valoro superis 3.000 eŭrojn, t.e. duonmilionon da pesetoj!

Resume, ĉu sukcesa aranĝo? Jes, malgraŭ la kutimaj facile kompreneblaj problemetoj. Dankon do al la tuta organiza komitato gvidata de s-ano Jesús Miguel García Iturrioz.

*MGA*

# Rezolucio de Bilbao



Kunveninte okaze de la 6a Eŭropa Kongreso de Esperanto, kiu disvolviĝis en Bilbao de la 25a ĝis la 28a de aŭgusto 2004, la 284 partoprenantoj el 24 landoj:

Substrekas, ke la homaranisma principaro de la Esperanto-movado, kaj ĝia celo al libera interkompreniĝo inter la homoj kaj la popoloj kaj al paco, tute kongruas kun la tuteŭropa volo konstrui Eŭropon enpaciĝinta, unueca, harmonia kaj riĉigita de ĝiaj multspecaj kaj multlingvaj kulturoj.

Substrekas sian firman subtenon al la principo de strikta lingva egalrajteco kaj de neŭtrala multlingvismo.

Notas, en la aplikado de tiu principo, la ampleksecon de la teknikaj kaj financaj malfacilaĵoj, kiujn devas alfronti la eŭropuniaj servoj pri tradukado kaj interpretado, kaj kiujn hodiaŭ pligravigas la plivastiĝo de Eŭropa Unio.

Konstatas, ke en la eŭropuniaj instancoj — same kiel en multaj eŭropaj organizaĵoj, eĉ en la eŭropaj membro-ŝtatoj kaj ties instruadaj sistemoj — pli kaj pli nur unu nacia lingvo estas privilegie konsiderata kiel sola bazlingvo de komunikado kaj informado tiel malfortigante komunan eŭropan identecon.

Konstatas, sekve de tiu privilegio, ankaŭ la lingvan diskriminacion de multegaj dunganoncoj, kiuj proponas postenojn rezervitaj nur al denaskaj parolantoj de tiu nacia lingvo, kaj kiu tiel iom post iom kreas ties faktan hegemonion.

Kondamnas tiun faktan lingvan hegemonion, kiu kontraŭas ĉiujn principojn de egaleco, objektiveco kaj demokrateco, kiu maljuste favoras iun malplimulton de eŭropaj civitanoj, kaj el kiu aŭtomate fontas kultura, ekonomia, socia kaj politika superregado kaj mallojala konkurenco.

Certas, ke solvo de tiuj problemoj povas kuŝi en la uzo de neŭtrala lingvo kiel Esperanto, pro ĝiaj ecoj de facileco, pre-

cizeco kaj logika konstruo, de prononca homogeno kaj de rapida adapteblo, kiel traduka kaj interpreta pivotlingvo en la eŭropuniaj instancoj, kaj kiel lingvinstrua helpilo en la instruaj sistemoj de la membro-ŝtatoj.

Proponas, surbaze de rezolucioj de Unesko de 1954 kaj 1985 pri instruado de Esperanto, kaj de la konkludoj de la raporto "Ĝeneralaj aranĝoj pri multlingvismo", alprenita de la Eŭropa Parlamento en 2004, ke la Eŭropa Parlamento starigu interpartian grupon por funde pristudi la nunajn eŭropajn lingvajn problemojn, la diversajn ekzistantajn solvojn kaj la eblecon proponitan per Esperanto.

Sugestas, ke tiu prilingva grupo rapide iniciatu eksperimentojn — zorge kontrolotajn kaj mezurotajn de fakuloj kaj parlamentanoj — de uzo de Esperanto kiel traduk-interpreta pivotlingvo en la Eŭropa Parlamento, kaj ke ĝi konsilu al ĉiuj membro-ŝtatoj simile kontrolotajn eksperimentojn pri enkonduko kaj instruado de Esperanto en iliaj instrusistemoj.

En Bilbao, la 28an de aŭgusto 2004.

## Cetere...

* En la Kongreso de Bilbao estis akceptita nova statuto de EEU post kies registriĝo en Bruselo povos aliĝi novaj landoj de EU.

* Oni akceptis la inviton de la maribora urbestro, Boris Sovič, ke la sekva kongreso okazu aŭguste 2007 en Maribor, Slovenio.

* La komitato de EEU elektis s-ron Zlatko TiŜljar kiel novan sekretarion.

*M. Zocato*



## Fospasis

Ĉi-somere forpasis nia tenerifa samideano Francisko Davila Dorta (kromnomo "Omar Rajan"). Senlace li laboris favore al Esperanto, tiel loke kiel nacie kaj internacie. Cetere li estis fervora radioamatoro, kio ebligis al li multnombrajn kontaktojn kun esperantistaj kolegoj el la tuta mondo.

Kun sincera kaj emociplena bedaŭro mi kondolencas plej tutkore al ĉiuj tenerifaj amikoj kaj speciale al Rucadén Dávila.

Ripozu pace, karega kaj neforgesebla Omar Rajan.

*Darío Rodríguez*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.







## Andaluzio

* En julio okazis en Alcalá la Real (Jaeno) la festivalo Etnosur (Etnaj Renkontoj ĉe la Suda Montaro / Encuentros Étnicos en la Sierra Sur) kaj en ĝi okazis Esperanto-kurso po horo kaj duono, du horojn tage. En la kurson venis konsiderinda nombro da homoj: ĉirkaŭ 30 aŭ 40. Kelkajn el ili tre interesis nia lingvo kaj eĉ lernolibroj estis venditaj.

La etoso estis agrabla kaj la vilaĝo tre bela kaj plenplena el mirindaĵoj. Ni ĝuis nian libertempon per aliaj festivaleroj, ekzemple spektado de la filmo "Bowling for Columbine".

Gvidis la E-kurson la kataluno Ramon Rius, tre kompetenta filologo, kaj lian prelegon akompanis projekcio. Oni devas gratuli ankaŭ s-anon Pablo Foĉe kaj ceterajn jaenajn samideanojn Salva, Jordi, ktp, kiuj tre bone organizis ĉion kaj helpis nin.

La dimanĉon, Canal Sur Radio (andaluza radio) intervjuis Pablon kaj la malagan samideanon Angel Arquillos pri la E-kurso. La intervjuistino promesis lerni

la lingvon —kiel kutima afero. La elsendo estis landskala kaj rekta.

*Víctor Manuel Macías*

* Meze de septembro, aperis artikolo de Mariló Montero, edzino de Carlos Herrera kaj fama ĵurnalistino de Canal Sur TV, kun rekta, iom tikla, aludo al Esperanto sur la interreta "Europa Sur-Digital". Al ŝia demando "Kie estas esperanto, la lingvo nenies parolata?", responde reagis la Respondeculo pri Propagando de AEU, José María Rodríguez.

* Aperis la 73a numero de la revuo Gazeto Andaluzia. Ĉi nova numero de la oficiala organo de Andaluzia Esperanto-Unuigho estas belaspekta, kaj proponas al siaj legantoj 34 paĝojn plenajn de interesaj artikoloj kaj novaĵoj.

*Svena Dun*

* La 31an de oktobro kaj 1an de novembro okazos en Sevilo la 10a Andaluza Kongreso de Esperanto, organizita de Sevilja Esperanto-Asocio kunlabore kun Andaluzia Esperanto-Unuigho. En la Kongreso, kiu okazos en "Casa de las Sirenas" (Alameda de Hércules), oni decidos la gvid-liniojn de la movado en Andaluzio por la venontaj jaroj. Oni festos ankaŭ la 20an vivo-jaron de la AEU kaj la refondiĝon de la nova Sevilja E-Asocio.

Prelegoj: Esperanto kaj Interreto, fare de Manuel Ortega; Aktuala Esperanto, fare de Antonio Rodríguez; Eblecoj instrui Esperanton en la hispanaj universitatoj, fare de José María Rodríguez. Ankoraŭ ne konfirmita estas prelego pri "Blas Infante, el andalucismo y el movimiento esperantista". Cetere oni ĝuos libroservon, filmo-spektadon kaj bonan etoson. La organizantoj povas faciligi la loĝadon dum tiuj du tagoj en Sevilo. Pliaj informoj kaj kontaktoj: <noelnadlor@hotmail.com> kaj <manuelortega87@hotmail.com>

*Jose Maria Rodriguez*




Diplomo por Astura Esperanto-Asocio

# Asturio

* La 18an de septembro okazis en Gijón kultura aranĝo organizita de la t.n. "Centro de promociado de lingvoj", la sama institucio kiu organizas ĉiujare la feston de la lingvoj. La Astura Esperanto Asocio partoprenis en tiu aranĝo same kiel ĝi kutime kunlaboradas en la menciitaj festoj, cele al diskonigo de Esperanto kiel propono de komuna lingvo por la Internacia komunikado.

*Faustino Castaño*

* Aperis la 32a numero de la avilesa bulteno "Antaŭen". La ĵurnalo "La voz de Aviles" dediĉas al ĝi artikolon kun foto.

*Svena Dun*

# Eŭskio / Vaskio

* La E-Grupo de Bilbao proponas unu plian jaron kristnaskan loterion (n-ro 15680).

*Patxi de la Hoz prelegis en la lernejo Begoñazpi al 17-jara lernantaro, kiu montris apartan intereson.

*Nia ponto*

* Alava E-Asocio organizis kurson en Centro Cívico El Campillo (Vitoria/Gasteiz).

*E-e-H*

# Galegio

* La Direktoro de Fundación Esperanto, Antonio del Barrio, vizitis Orenson kaj, nome de la Fondaĵo, transdonis ekzempleron de Gran Diccionario Español-Esperanto, kune kun ekzempleroj de du aliaj verkoj, al tiuurba Publika Biblioteko.

Ĉi-kaze, pro praktikaj personaj kialoj, ne okazis prelego, kiel en antaŭaj donacoj.

Kurioze, la Biblioteko jam disponis pri kelkdeko da E-libroj, precipe malnovaj, plejmulte donacitaj de Emilio Amor. Ankaŭ estis disponebla broŝuro pri Esperanto, en la galega lingvo, eldonita de Asociación Galega de Esperanto en 1987.

La donacon postsekvis informa kampanjo, kies rezulto estis: 15-minuta intervjuo pri Esperanto en la loka radiostacio de Radio Voz, kun interesaj demandoj, kaj pozitiva artikolo en la tutlanda ĵurnalo La Voz de Galicia.

Cetere, Antonio del Barrio informas ke ankoraŭ restas vortaroj por donaco al aliaj publikaj bibliotekoj de urboj, kie ne ekzistas movado. Tial, ĉiu persono deziranta helpi pri agado en iu alia urbo, bv. kontakti la direktoron de Fundación Esperanto.

*M. Zocato*

* En la libro "O anarquismo na Galiza", de Eliseo Fernández kaj Dionísio Pereira (ed. Positivas, 2004), aperas unupaĝa artikolo pri Esperanto kaj pri ĝia historio en Galegio. Ĉe la fino troveblas persona mencio al Antonio Alonso, antaŭa Prezidanto de HEF, kaj ankaŭ informo pri la traduko de "Retrincos" de Castelao ("Viveroj").

*TdB*

# Kanariaj Insuloj

* Kurioze kaj pensige: Santiago Sanz petis helpon ĉe la interreta forumo E-e-H, ĉar kelkaj homoj el Tenerife, kiuj komencis lerni Esperanton laŭ la brazila retkurso KAPE (projekto NESTO), bezonis vortarojn, sed ilin tute ne sciis pri la adreso aŭ telefonnumero de la E-asocio ESTO.

* Antonio M. Sánchez informas ke la lingvistika librovendejo “Idiomática”, en La Laguna, peras esperantajn librojn.

*M. Zocato*

# Kantabrio

* KantEA proponas unu plian jaron kristnaskan loterion (n-ro 55207).

* Komenciĝis kampanjo por disdonado de lernolibroj al pluraj bibliotekoj de la regiono.

*M. Zocato*



# Kastilio-Leono

* La 26an de julio aperis artikolo pri Esperanto kun du fotoj en la kulturaj paĝoj de la ĵurnalo “El norte de Castilla”. La titolo de la artikolo estis “La pacífica lucha del Esperanto” (La paca batalo de Esperanto), kaj ĝi konsistis en intervjuo al s-ano Luis Hernández okaze de la 89a UK en Pekino.

* La 14an de oktobro, je la 8:15 horo, komenciĝos en Centro Cívico El Campillo, la aktivaĵoj de la E-Grupo.

*Fido kaj Espero*




Esperantistoj informis en la Forumo pri la Kulturoj

# Katalunio

La 27an de Julio, de la sepa ĝis la oka vespere, ene de la Forumo pri la Kulturoj, Barcelono 2004, okazis informa kolokvo pri Esperanto celanta la publikon, kiu tiutage vizitis la forumon. La kolokvon gvidis la konata parolistino de la televida kanalo TV-3 fraŭlino Marta Cáceres. Post prezento de la E-reprezentantoj, okazis riĉa kolokvo kun la ĉeestanta publiko.

Esperanton reprezentis samideanoj: Marti Guerrero i Cots, instruisto ĉe la E-kursoj aranĝitaj de KAE en la Aŭtonoma Universitato, kiu prelegis pri la lingvo Esperanto, Salvador Aragaj i Galvany, instruisto kaj prezidanto de

Barcelona E-Centro, kiu klarigis la bazajn regulojn de Esperanto sur tabulo pere de ekzemploj; Josep María Galofré i Domingo prezidanto de KAE kaj vicprezidanto de HEF, informis pri la E-kursoj okazantaj en la Universitatoj de la mondo kaj ankaŭ en la Aŭtonoma Universitato de Barcelono. La kunorganizanto de la aranĝo, S-ro. Oriol Ávila i Moateso, prezidanto de la Centro pri Naturaj Studoj de Barcelono, malfermis la aranĝon.

Danke al la kunlaboro de diversaj E-Federacioj, oni disdonis centojn da informiloj en la lingvoj: japana, korea, franca, angla, itala, hispana, kataluna kaj esperanta.

*J.M. Galofré*

* Ĉi-jare KAE denove sukcesis organizi E-kurson en la Aŭtonoma Universitato de Barcelono. La kurso komenciĝos la 14an de oktobro, finiĝos en decembro kaj daŭros 30 horojn. La aliĝo kostas 65 eŭrojn kaj la sukcesintoj ricevos diplomon kaj 2 universitatajn kreditojn.

* La 30an de junio, membroj de Barcelona E-Centro, de HEFA (fervojista asocio) kaj de la grupo Aŭroro ĉeestis la fermon de la E-kurso de BEC. Oni informis pri la kursoj por la lernojaro 2004-2005: la 13an de oktobro komenciĝos supera kurso en la sidejo BEC-Casinet (19a ĝis 20a horo), kaj elementa kurso (20a ĝis 21a horo). Alia elementa kurso komenciĝos la 19an en la sidejo BEC-S. Agustí (20a ĝis 21:30 horo).




Fino de kurso ĉe BEC

* Organizita de Kultura Asocio Esperantista, kaj aliaj asocioj, okazis la monata babilado la 18an de julio, en la Kultura Centro de Sant Cugat del Vallés. S-rino Trinidad García tre bone preparis la kunvenon. Ĉeestis 30 geesperantistoj kiuj traktis la temon "La fundamentaj rajtoj de la Eŭropa Unio".

*Beer & Coffee, en strato Fontanella n-ro 4, estas la kunvenejo kie ĉiumerkrede, de la 10a ĝis la 11a horo, kunsidas delegitoj kaj membroj de E-asocioj de la barcelona provinco por trakti movadajn aferojn. La aranĝo estas malfermita al ĉiu interesito.

*Salvador Aragay*

* Diari de Tarragona (04.06.22) intervjuis s-anon Luis Serrano kiel organizanton de la "Semajno" en Salou. En la duonpaĝa artikolo, aperas granda foto de Luis kun sia edzino Maria.

*ĜI de BEC*

* Organizita de HEFA okazos, de la 23a ĝis la 28a de januaro 2005, la 46a Internacia Esperanto Skisemajno en La



E-Babilado en Sant Cugat del Vallés



Bona etoso en la merkredaj kunvenoj

Molina, katalunaj Pireneoj. La aliĝkotizo estas 15 eŭroj. Ekzistas diversaj loĝeblecoj. Petu aliĝilon de HEFA; Apartat 15027; 08080 Barcelona.

*Martí Guerrero*

* Ĉi-jare la "Diada" (tago de Katalunio), montriĝis aparte interesa por la informa agado de Barcelona E-Kontaktejo: bona vetero, sufiĉe ampleksa budo, dankinda helpo (Àngels, Francesc, Roger, Eugeni, Marek, Philip, Marie-Pierre kaj aliaj) kaj vera svarmo da publiko.

Multaj homoj haltis, trafoliumis, demandis kaj eĉ, rimarkinda kvanto, aĉetis. Ankaŭ bona nombro da veteranaj kaj neveteranaj esperantistoj vizitis atendite kaj neatendite la budon. Posttagmeze, danke al nia diskludisto, Roger, ni proponis aŭskultadon de E-muziko. Domaĝe ke la grupo "Kaj Tiel Plu" ne povis partopreni por pligrandigi la sukceson.

La ĝenerala etoso montriĝis tre pozitiva al esperanto, kun la kutimaj mirmienoj kaj surpriziĝoj. Notindas por estonta plibonigo ke mankis materialo por vendado, ĉefe k-diskoj kaj komiksoj. Ankaŭ rekomendindas pli da lernolibroj kaj vortaroj.

*Karles Berga (Llibreria Clàssic)*

# Madrido

* ĉi jare SATeH (SAT en Hispanio) partoprenis denove la Feston de PCE (Hispana Komunista Partio). Ni deĵoris ĉe budo dum tri tagoj (17a, 18a kaj 19a de septembro). Multaj vizitantoj, multaj demandoj, kelkaj skeptikuloj, sed precipe... rimarkinda kvanto de personoj montrante veran intereson. Pruvo nerefutebla: nia tuta stoko de bazaj vortaroj (Sopena kaj 2002) forvendiĝis, same kiel sufiĉe granda kvanto de surpaperaj kursoj. Do, ĉi foje ni povas konstati evoluon vere kuraĝigan: se pasintjare ni allogis precipe scivolulojn, kolektantojn de kuriozajoj... ĉi jare venis al ni multaj personoj kun la decido jam alprenita lerni esperanton.



Lastatempe multaj homoj venas al Esperanto pere de Interreto, kiel "Sciuro", "Fromaĝo" kaj"Jops"

La ĝenerala sinteno estis pozitiva: ĉiuj jam aŭdis pri esperanto, kelkaj havas konatojn kiuj uzas la lingvon,... kaj denove surprizoj: nekonato alproksimiĝis, parolis al ni en flua esperanto, aĉetis kelkajn librojn kaj muzikdiskon, adiaŭis kaj foriris. Ankoraŭ pli da surprizoj: tri uzantoj el la intereta babilejo profitis sian scion pri nia ĉeesto por interkonatiĝi vidalvide. Temas pri "Sciuro", "Fromaĝo" kaj "Jops". Ili ankaŭ helpis deĵori. Ni flue interparolis kaj eksciis ke Sciuro lernas de antau du jaroj, Fromaĝo ekis antaŭ tri monatoj, kaj Jobs startis antaŭ nur unu monato kaj duono. Ankoraŭ pli kuraĝige: infanoj kiuj avide okulumis ĉion de ni ekspoziciatan... kaj gepatroj kiuj ĝoje aĉetas por ili la metodon de Adúriz.

Konklude: ni konstatas ke oni rilatas al ni ĉiam pli serioze. Ŝajnas ke ni komencas rikolti. Ne ĉiuj semoj perdiĝas.

*Pedro Sanz*

Venis al la CO Severiano Arnaiz, vigla 92-jara e-isto kunfondinto de la iama Madrida E-Klubo, kiu longe vivis en Francio. Ĉu vere Esperanto estas viviga eliksiro?

*Svena Dun*

# Ĝenerale

* En la retpaĝo de sindikato CGT, jam en la ĉefpaĝo <www.cgt.es/index.php> kaj poste en:

www.cgt.es/modules.php?name=News&file=article&sid=1605

aperas artikolo pri la Universala Kongreso, verŝajne preninta el informagentejo.

*Antonio del Barrio*

* Aperis en la kataluna eldono de "El País" (04.07.27) noto pri la esperanta premio "Delfí Dalmau".

* Sur la kovril-dorso de la tutlanda eldono de "El País" (04.08.02) aperas artikolo pri la maljuna anarkiistino Concha Pérez kun aludo al Esperanto.

*Darío Rodríguez*

* En la krucvorto de la ĵurnalo La Razon (04.06.14) aperas kiel ŝlosila vorto "Esperanto". La difino por ĝin malkovri jenas: "Idioma creado para el entendimiento general" (lingvo kreata por ĝenerala intekompreno).

*Juan Narváez*

* Okaze de la Kongreso de Bilbao aperis intervjuo al s-ano Eduardo Larrouy en la ĵurnaloj "El Correo Vasco" kaj en "La Rioja".

*BKC*




* AAAdEM (Afgana Amika Asocio de E-Movado) naskiĝis en la universitato de Kabul ĉi-septembre. Kuraĝigaj leteroj bonvenindas ĉe: aaadem_kabul@yahoo.com

* De aŭgusto la satelitaj Esperanto-elsendoj de Pola Radio ŝanĝiĝis al nova frekvenco laŭ diĝita sistemo, ĉesante la analogan dissendon. Jen la novaj datenoj: la signalo ne estas kodita. Individuaj uzantoj de riceviloj, kiuj kaptas la programojn de Radio Polonia helpe de la satelito Hot Bird, 13 gradoj oriente, povos aŭskulti ilin aliprograminte la ricevilon al la frekvenco 12360 MHz, polarizado horizontala (H); FEC ¥; SR 27500; Audio PID: Radio Polonia 773.

La interreta dissendo daŭre okazas kiel kutime per:

www.radio.com.pl/polonia/eo/

➔ WRN dosierujo

*Darío Rodríguez*

* Provizora statistiko fine de aŭgusto montras, ke post kelkjara malkreskado la membronombro de UEA turniĝis en senteblan kreskon. Je tiu dato UEA nombris 5615 individuajn membrojn, kio superas per 167 la nombron je la sama dato en 2003. Ĝojiga detalo estas, ke unuafo-

---

- Daŭrigo el la antaŭa paĝo -

* La julia numero de Kajeroj el la Sudo legeblas ĉe:

<http://213.172.47.3/gazetoteko/kajeroj/k63.htm> aŭ

www.gazetoteko.com/kajeroj/k63.htm

* La numeroj 266 kaj 267 de Boletín estis aldonitaj al la Gazetoteko Lanti.

www.gazetoteko.com/hef/index.html

*Jesús de las Heras*

* Aperis ĉe eldonejo Bero la du poemaroj de Jorge Camacho "Celakantoj" kaj "Saturno". Legu pri ili en Vikipedio:

http://eo.wikipedia.org/wiki/Celakantoj

http://eo.wikipedia.org/wiki/Saturno_%28poemaro%29

Ankaŭ eblas mendi ambaŭ verkoj rekte de: <beronet@hotmail.com>

www.geocities.com/eldonejobero

# Ni kiĥotu

Dum 2005 oni celebros tutlande la kvarcentjaran jubileon de la publikigo de la unua parto de "La inĝenia hidalgo Don Quijote de la Mancha". Prezentiĝas do eksterordinara okazo por diskonigo de la Internacia Lingvo, surbaze de la superba traduko de tiu verko farita de Fernando de Diego kaj eldonita de Fundación Esperanto.

Certe okazos plurnombraj agadoj subtenotaj de la ŝtato kaj de privataj asocioj. Ŝajnas oportune ke ni estu pretaj partopreni, laŭ niaj ebloj, en kiel eble plej multe da ili. Bela ekzemplo estis ja la legado antaŭ ne longe okazinta en Círculo de Bellas Artes de Madrido (vidu Boletín 365). Tial do, antaŭvidante la okazigon de similaj legadoj de la verko en diversaj urboj kaj vilaĝoj de la tuta lando, niaj Grupoj kaj Asocioj devas prepari sin, petante konsilon, se necese, al HEF.

La Direktoro de Fundación Esperanto, Antonio del Barrio, proponis en la lasta Hispana Kongreso, kaj poste pere de aperta letero en Interreto, ke ĉiu e-isto, preta agadi tiurilate, kontaktu la fondaĵon, aŭ HEF-on, por proponi ideojn kaj helpi en la disvolviĝo de la prezentitaj iniciatoj.

*Svena Dun*

je de post 1997 ree plimultiĝas junaj individuaj membroj.

*GK de UEA*

* La esperanta traduko de "Traktato pri estigo de eŭropa konstitucio" legeblas ĉe: <http://eu.inf.hu/>

Cetere, ĝi estas ligita al la ttt-ejo de la eŭropaj verduloj:

www.evp-forumo.org/article.php3?id_article=6

*Jeannette (Tuluzo)*

* Troveblas jam en la reto la septembra eldono de Le Monde Diplomatique en Esperanto:

http://eo.mondediplo.com/

Artikoloj: "La miljara milito" de Alain Gresh; "Ĉe la origino de la 'kolizio de civilizacioj'" de Alain Gresh; "La Geopolitiko de la Olimpiaj Ludoj" de Pascal Boniface; "La araba lingvo, la Rolls kaj la Volkswagen" de Edward W. Said; "La deziro asfiksiata, aŭ pri kiamaniere la kultur-industrio detruas la individuon" de Bernard Stiegler

*Darío Rodríguez*

* Dua tutpaĝa anonco pri Esperanto aperis sur la oka paĝo de la franca ĵurnalo Le Monde, dimanĉe la 26an de septembro, kun la titolo "Parlez-vous euro-

**Kontonumero de**

**HEF ĉe BBVA:**

**0182-1252-31-0204011961**





# Valencio en Pollando

En julio oni starigis ŝtonan monumenton dediĉitajn al Hispanio en la "Parko de la Mondo" de la urbo Malbork (Pollando), kaj plantis arbon "Valencia Kverko", donacita de la valencia regiona registaro.

En la memorstono aperas la flagoj de Hispanio kaj Valencio, la nomo de la arbo en esperanto kaj en pola lingvoj, kaj la nomoj de la donacintoj. Fakte, pro manko da spaco en la memorstono, nur Hispana Esperanto-Federacio kaj Valencia Esperanto-Grupo.

ĉeestis la Urbestro de Malbork kaj Estrino pri Promocio de la Urbo. Fine de la oficiala ceremonio oni kuiris gigantan paelon por gustumado de la ĉeestantoj.

*Augusto Casquero*

---

péen?" Sama reklamo aperis ankaŭ en la ĵurnaloj Rzeczpospolita (Pollando), Lietuvos (Litovio) kaj Reppublica (Italio).

*Aleks*

* La tradicia Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA okazos la 27an de novembro. Ĉi populara aranĝo, jam 10-jara, permesos al la vizitantoj renkonti du renomajn nuntempajn E-verkistojn. La hispano Jorge Camacho prezentos du poemarojn el sia plumo, ĵus lanĉitajn de la eldonejo Bero: "Celakantoj" kaj "Saturno". La ruso kolego Mikaelo Bronŝtejn priparolos sian novanromanon "Dek tagoj de kapitano Postnikov". Ankaŭ kantos Bronŝtejn, konata bardo, kaj la nederlanda grupo "Akordo", de kiu lastatempe aperis disko kun kristnaskaj kantoj. Kompreneble, la libroservo de UEA estos malfermita por aĉetado de libroj kun grandaj rabatoj.

*GK de UEA*

# Pri libro kaj ĝia malneto

Valén, Antonio. El esperanto: lengua y cultura. Santander, Eld: mga, 2004. 192 p. 15 ". ISBN:84-920931-4-5.

Kiam antaŭ kelkaj jaroj alvenis al la HEF-ejo la malneto "Nueva guía informativa de esperanto" verkita de Antonio Valén, tuj evidentiĝis, ke ĝi ĉefrolos en la informa fako de la asocio kaj multe faciligos la laboron de ties deĵorantoj. Efektive, ĉu necesas ĉerpi profesiecajn lingvistikajn klarigojn pri esperanto por la retpaĝaro? Jen ili, en la malneto de Valén. Ĉu oni bezonas klarajn ekzemplojn pri funkciado de la lingvo uzotaj informile dum Expolingua? Nu, certe en la malneto de Valén. Ĉu la subskribanto de ĉi artikolo volas kompletigi bibliotekan slipon aŭ akiri havindaĵojn por la libro-kolekto? La gvidaj kleoj, kompreneble, en la malneto de Valén. Ĉu ĵurnalisto aŭ eventuala interesiĝanto volas iom pli detale scii pri beletro aŭ historio? Jes, prave: la malneto de Valén ebligas trovadon per abundaj bibliografiaj referencoj kaj font-indikoj, aŭ foje mem havigas la respondon.

Ekde mia konatiĝo kun la malneto mi atendis vidi ĝin libroforme, ĉar temas pri serioza, objektiva kaj bone dokumentita studo, sen troigoj aŭ mistifikoj —tiom oftaj en niaj rondoj. Tial kun granda kontento mi ricevis la novaĵon, ke Miguel Gutiérrez Adúriz (mga) decidis entrepreni la eldonadon.

Kaj fine jen la libro en miaj manoj. Temas pri hispanlingva informilo 192-paĝa (DIN A5), kies malneta titolo ŝanĝiĝis al "El esperanto: lengua y cultura". Mi bremsas mian legemon por antaŭe ĝui la eksteran aspekton kaj la elvokivan, eble iom enigman —tamen plaĉan— bildon surkovrilan antaŭ ol definitive mergiĝi en la legadon. La enhavtabelo (konsultebla en la retpaĝaro de HEF: www.esperanto-es.net) montras la koheran strukturon de la verko.

La aŭtoro prezentas esperanton el ĉiuj vidpunktoj: ĝenerala kaj faka, lingva kaj beletra, kultura kaj historia; kaj el plurnivelaj profundoj depende de la celata publiko: lingvistoj, lingvo-instruistoj kaj lernantoj de esperanto trovos interesan, rigoran kaj praktikan informon en la koncernaj ĉapitroj; dume ĵurnalistoj, bibliotekistoj kaj alispecaj interesiĝantoj povos kontentigi sian scivolon per la priaj resumoj de ĉiu ĉapitro. Ĉi strukturo "ĉapitro-resumo" iĝas unu el la ĉefaj atingoj de la verko, ĉar ĝi ebligas rapidan laŭbezonan konsultadon.

En la enkonduko la aŭtoro klarigas, ke li verkis tian informilon, kian li mem volintus legi, kiam li eklernis esperan-



Antonio Valén

NUEVA GUIA INFORMATIVA DE ESPERANTO

GENERALIDADES LENGUA LITERATURA CULTURA HISTORIA BIBLIOGRAFÍA SELECTA ANEXOS

[illegible]

K. Kalocsay

NOTA PRELIMINAR

[illegible]

El autor

[illegible]

ÍNDICE

[illegible]

1- GENERALIDADES

[illegible]

1




Jen, maldekstre, la manuskripto de la verko de Antonio Valén, tiam ĝia titolo estis "Nueva guía informativa de esperanto", kaj dekstre la bildo aperinta sur la kovrilo de Boletín 366 por anonci la aperon de la verko en Bilbao.

ton. Certe li faris multe pli. Ĉi libro ne nur permesos al komencantoj aliri la esperantan kulturon firma-paŝe; ankaŭ progresintoj, ĉefe se beletremaj, orientiĝos per preciza kompaso en la iom ĥaosa, ne ĉiam kvalita, sed certe ja plurtitola verk-ĝangalo de Esperantujo. Cetere ĝi kontribuos levi la averaĝan kultur-nivelon ene de nia komunumo. Kaj fine, kiel dirite, ĝi senpenigos la taskaron ene de asocioj.

La libro konsistas el sep partoj: ĝeneralaj aspektoj, lingvo, literaturo, kulturo, historio, elektita bibliografio kaj pluraj aneksaĵoj. Mi ne detale priskribos ilin, sed nepre komentos kelkajn aspektojn, miaopinie esencaj.

La libro estas verkita en klara kaj preciza lingvo, per konciza kaj eleganta stilo. Scioj ligiĝas unu al la alia en flua kaj kohera sinsekvo, tiel ke eĉ komplikaj lingvistikaj konceptoj ŝajnas pli facilaj sub la prilumo de abundaj komparoj interlingvaj. Ĉi tio aparte rimarkeblas en la dua parto "Lengua" (Lingvo), vera frandaĵo, kiu ja pravigus per si mem la eldonon de la libro.

La priliteratura parto, skizita per malmultaj sed trafaj penik-tiroj, kompletiĝas per ĝisdata listo de rekomenditaj titoloj. Ĉi listo ampleksas preskaŭ trionon

## Pekina Deklaro.

La 89a Universala Kongreso de Esperanto, okazinta en Pekino, Ĉinio, de la 24a ĝis la 31a de julio 2004 kun 2031 partoprenantoj el 51 landoj,

traktinte la temon "Lingva egaleco en internaciaj rilatoj",

notante, ke la jaro 2004 markas 50 jarojn da oficialaj rilatoj inter UEA kaj Unesko,

memorante, ke rezolucioj de Unesko notis la rezultojn atingitajn per Esperanto sur la kampo de internaciaj intelektaj intersanĝoj kaj por la proksimiĝo de la popoloj de la mondo kaj rekonis, ke tiuj rezultoj respondas al la celoj kaj idealoj de Unesko,

notante la "Raporton pri Homa Evoluigo 2004" de la Evoluiga Programo de Unuiĝintaj Nacioj, kiu asertas, ke la libereco de esprimado kaj la uzado de lingvo estas nedisigeblaj,

alte taksante la agadon de la ĉina registaro, kiu, cele al pli justa kaj diverseca aliro al internacia interkompreniĝo, subtenas la instruadon kaj utiligon de Esperanto, konforme al la spirito de la rezolucio de Unesko,

DEKLARAS

ke demokratia kaj egalrajta komunikado en internaciaj rilatoj estas esenca por internacia interkompreno kaj paca kunlaboro surbaze de egalaj lingvaj rilatoj,

ke estas bezonata nova internacia lingva ordo, kiu garantiu egalecon, diversecon kaj demokration en lingvaj aferoj kaj efikan komunikadon inter nacioj kaj aliaj homgrupoj lingve malsamaj, ĉar en la nuna monda lingva situacio, kun kreskanta superrego de iuj lingvoj super aliaj, ne eblas realigi tiujn principojn,

ke neŭtrala komuna lingvo estu kerna elemento en tiu ordo, por atingi unuecon en diverseco inter la diversaj lingvoj kaj kulturoj je internacia nivelo,

ke sekve la internacia lingvo Esperanto, pruvinte dum pli ol cent jaroj siajn utilecon kaj praktikecon, meritas seriozan konsideron fare de internaciaj organizoj, ties membro-statoj kaj ĉiuj personoj kaj organizaĵoj de bona volo, kiuj respektas kaj deziras pacon kaj pacan kompreniĝon en egaleca etoso en nia hodiaŭa mondo,

ke por krei novan internacian lingvan ordon, kiu kontribuos al internacia kompreno kaj mondpaco, necesas forte subteni la enkondukadon de Esperanto en lernejojn, konforme al la spirito de la Unesko-rezolucioj, ĉar tio faciligas lingvolernadon ĝenerale kaj antaŭenigas internaciecan aliron al la mondo.

de la tuta libro. Sed ne temas pri nura katalogo. En ĝi, ĉiu verko —zorge elektita— ricevas apartan kritikan komenton sciigan pri ties ecoj kaj kvalito. Ĉapitroj tre bonvenaj por ŝatantoj de beletro: ne plu blindaj mispaŝoj alire al la esperanta Parnaso.

La ceteraj aspektoj —historiaj, primovadaj, esploraj— ne tiom altkvalitas, kiom la antaŭaj, sed ja montras panoramon kompletan kaj ne fermitan: la pluraj citoj kaj abundaj notoj tiklas la scivolon kaj instigas al plua serĉado por enprofundiĝi en la diversajn temojn.

Enestas tamen kelkaj misoj. La aŭtoro citas erare la nombron de HEF-anoj kaj forgesas mencii kelkajn hispanajn universitatojn, kiuj lastatempe permesis instruadon de esperanto kun oficiala valoro. Ankaŭ fojfoje, sen ŝajna kialo, la litertipo malgrandiĝas. Ĉio ĉi tamen tute ne forprenas la meriton de la verko: ĝi plu restas la plej bona hispanlingva informilo pri esperanto, ĉar ties prezento samtempe faka kaj diskoniga igas ĝin taŭga por tre malsimilaj publikoj.

Libro do absolute leginda, havenda en asocioj kaj kluboj, montrinda al aŭtoritatoj kaj ĵurnalistoj, donacebla al publikaj bibliotekoj...

Sed se ĉio ĉi ankoraŭ ne vekis vian legemon, jen mi proponas al vi ludon. Enŝoviĝis paragrafo en esperanto ene de la hispanlingva teksto. Ĉu temas pri neatentita dumkomposta miso? Ĉu pri simpatia okulsigno de la aŭtoro al sia legantaro? Nu, trovu kaj mem juĝu.



Antonio Valén...
per kio li regalos nin venontfoje?

Fine mi parolos ankaŭ pri manko. Jes, manko de biografia noto. Ja ne sufiĉas nur foto de la aŭtoro sur la dorso-kovrilo. Certe la leganto volas scii, ke Antonio Valén estas filologo kaj lingvo-instruisto, kompetente verkas kritikojn kaj recenzojn, ne malofte revizias elplumaĵojn de aliaj aŭtoroj, kaj —laste sed ne balaste— kunordigis la revizian teamon de la "Gran Diccionario Español-Esperanto" (Granda Vortaro Hispana-Esperanta) de Fernando de Diego.

*Ana Manero*

## ATENTU!

RNE1 disponas ekzempleron de "Kristnaska kordo", disko kun kristnaskaj kantoj en Esperanto. Tial do estus interese ke la venontan decembron ni ĉiu petu de la Nacia Radio disaŭdigon de unu el la kantoj, ekzemple la hispanan "Rin rin!"



# Astronomia sesio

La kompleksa ĉielvolbo ĉiam fascinis la homon. Ĝiaj lampionoj certe vekis fantazion ĉe niaj foraj prauloj. Dum eterno ni gape rigardas supren, mergante nin en novajn misterojn (kvazaŭ ci-sube estus malmultaj — iuj ja asertus). Oni evoluigis rafinitajn ilojn por pli bone kaj pli malproksimen esplori.

Kune kun ĉiu respondo ricevita venis ankaŭ multaj novaj demandoj. Ŝajne la defio senfinas.

Kiu estas neniam tentita ekrigardi per tiuj magiaj tuboj, kiuj alproksimigas al ni la Lunon je ĉe-mana distanco?

Ĉi-foje tentanto havas nomon: David Galadí, astronomo ĉe Astrobiologia Centro en Torrejón de Ardoz, Madrida Aŭtonoma Komunumo; aŭtoro i.a. de la e-verko "La kosmo kaj ni".

Konante la neelĉerpeblan homan mirkapablon, li kunvokis, kaj lian alvokon tiris la atenton de cirkaŭ dekkvin personoj, preskaŭ ciuj esperantparolantoj, devenintaj el Madrido, Valdemoro, Valadolido kaj Zaragozo.

La astronomia sesio, zorge preparita de s-ro Galadí, okazis la 26an de junio, ekde la 20a horo. La elektita loko estis monteto sufiĉe malproksima de Alcalá de Henares (M.A.K.) por kiel eble plej eviti la ĝenon de ties lumoj. Tie alvenis ses-aŭta karavano por malĝojo de paroj kiuj ankaŭ serĉis trankvilan spacon por siaj observadoj. Ve! Scienco foje estas tiel maloportuna!

Kelkaj juĝis la rendevuan horon iom frua, tial ke sunsubiro ne okazos ĝis la 21:49 kaj estis varme. Tamen, kiam s-ro Galadí malŝarĝis el sia aŭto la tutan materialon necesan, ĉiuj komprenis, ke tian puzlon oni solvos nur post iom longe kaj nepre sublume.

Li muntis reflektan teleskopon 1,20 centimetrojn longa kaj 20 cm diametra sur ekvatoran meĥanismon. Ankaŭ li havigis al ni la plej grandan binoklon kiun iam mi vidis. Kaj ĉion li faris lerte kaj rapide malgraŭ la senkompata pridemandado al kiu li estis submetita: "Kiel oni nomas tion?", "Kaj ties utilo?", ktp. Li do pruvis havi tre alte estimatan kvaliton por astronomoj: paciencon!

Dum la planedoj iom post iom alvenadis al nia rendevuo, "nia" astronomo elnomis la diversajn teleskopajn tipojn, desegnis sur papelografon la ekliptikan ebenon kaj la sunsistemon ene de ĝi, kaj klarigis kiom la atmosfera diko ĉe la horizonto kune kun la gasa kaj luma poluoj iomgrade malhelpos la observadon.

Cel-trafe li direktadis fojon post fojo la ĉielan spionilon kaj kvazaŭ mirakle, jen!: tio observinda estis ĝuste tie, kien la teleskopo celumas. Li intencis sensukcese sengravigi sin mem dirante, ke ne li sed la astronomaj kartoj kaj la koordinatoj enhavataj en ĝi kulpas pri tia surprizigа precizeco. Nu, ĉifoje li pruvis havi alian kvaliton, humilon, logike trejnitan dum ada studo pri tiu supra malenkapigebla eterno.

Tra la ronda truo marŝis, kvazaŭ ĉe model-defilo, Merkuro, Marso kaj Jupitero. Tiu ĉi lasta senpudore montris al ni siajn surfacajn makulojn. Ankaŭ tri el ĝiaj pli ol sesdek satelitoj.

La antaŭavertita poluo kaj la troa proksimeco al la sunsubira punkto malhelpis ĝui "The Lord of the Rings" (la mastron de la Ringoj): Saturno.

"Mirinda", "Nekredebla", "Belega" estis kvalifikoj kiuj abundis dum la sesio en ĉies busoj.

La spektaklo-stelulo tiunokte ja stelo ne estis, sed satelito: Luno. Ĝi montriĝis ĉe duonlumigita noktovesto, kio rezultis esti granda avantaĝo, ĉar krateroj kaj montoj perfekte reliefe videbliĝis ĝuste tie, kie imaga linio disigas la lunajn tagon kaj nokton.

Okuloj, alkutimiĝintaj jam al la reganta mallumo, momente estis blindigitaj post ĝia kontemplado.

Luno serĉis horizonton, ĉielo pli nigriĝis, kaj multaj steloj ekornamis la nokton.



Oni instruis al ni kiel trovi konstelaciojn facile: Granda Ursino, Malgranda Ursino, Cigno, Kasiopeo, Skorpio... Ankaŭ pri la nomoj de unuopaj steloj: Polusa Stelo, Aldebarano, La Karla Koro, Arturo, Antareso, Denebo, Altajro...

Oni aŭdis paroli kaj povis eĉ kontempli duuman stelsistemon (ŝajne duopa stelo) kaj ankaŭ veran duopan stelon. Ni ekzercis niajn kolmuskolojn komparante stelkolorojn, kies diversecon kaŭzis malsamaj temperaturoj.

Stelamaso atentigis nin pri la fakto, ke ne gravas kiom ega estas universo, kelkaj steloj obstine deziras loĝi en la sama porcio de infinito.

Ni evoluigis (mi eĉ malkovris) nian periferian vidkapablon kiam ni vidis ne rigardante nebulozon, malgaja postresto de mortinta stelo.

Estis, resume, tempo ĝojoplena, instrua, "lukso" kiel iuj prave kvalifikis ĝin. Ni sincere dankas s-ron Galadí kun la espero ke io tia baldaŭ ripetiĝos: multaj steloj ja restas ankoraŭ sen nomo.

*Juan del Castillo*

# Akademio de Esperanto

Nia lingva institucio, sendependa de 1905, informis pere de gazetara komuniko (04.09.13) la rezultojn de la elekto de triono de la membroj de la Akademio, plus unu membro intertempe mortinta. Fine de la balotado la membroj estas:

Dao Anh Kha
Perla Ari-Martinelli
Asvini Kumar
Marc Bavant
Gersi Alfredo Bays
Vilmos Benczik
Gerrit Berveling
Werner Bormann
Marjorie Boulton
André Cherpillod
Renato Corsetti
Probal Das Gupta
Edwin de Kock
Michel Duc Goninaz
Gbeglo Koffi
Miguel Gutiérrez Adúriz
Otto Haszpra
Christer Kiselman
Boris Kolker
Koutny Ilona
Erich-Dieter Krause
Sergej Kuznecov
Jouko Lindstedt
Li Shijun
Francois Lo Jacomo
Anna Lowenstein
Carmel Mallia
Geraldo Mattos
Stefan Maul
Carlo Minnaja
Brian Moon
Andrzej Pettyn
Sergej B. Pokrovskij
Otto Prytz
Baldur Ragnarsson
Flavio Rebelo
Francisko Simmonet
Trevor Steele
Spomenka Stimec
Humphrey Tonkin
Amri Wandel
John Wells
Bertilo Wennergren
Xie Yuming
Yamasaki Seykô

Cetere, la Akademio de Esperanto memorigas, ke la Servo "Akademia Konsultejo" gvidata de Stefan Maul, kiu liveras al la publiko konsilojn pri novaj aŭ malnovaj vortoj, daŭre funkcias ĉe la retadreso <S.H.Maul@t-online.de>

*Renato Corsetti*

*Sekretario de la Akademio*




Fundación Esperanto plu donas gravecon al la agado por instrui Esperanton en la universitatoj. Memoru ke, laŭ aprobite de la Fondaĵo komence de la jaro, dum tiu ĉi jaro estos aljuĝitaj subvencioj, kies totala valoro estas 750 eŭroj, al la grupoj organizantaj universitatajn kursojn, kondiĉe ke la informoj pri la okazigo de la agado alvenu al la adreso de la Fondaĵo antaŭ la 30a de novembro.

Helpo kaj informoj pri la okazigo de tiaj kursoj daŭre akireblas pere de la patronaro de la Fondaĵo, al kiu povas turni sin ĉiuj grupoj aŭ individuoj kun ia rilato al la universitata vivo.

*Patronaro de F.E.*

**Fundación Esperanto**
Sidejo:
Cadena, 20-22, 1 izq.
50001 Zaragoza
Adreso en Madrido:
Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7ª.
28015 Madrid
Telefono/faksilo: 91.446.80.79
www.esperanto-es.net/fundacion
fundacion@esperanto-es.net

## Jarabonoj kaj kotizoj por 2005

**Boletín** de HEF (eksterlandaj abonantoj, enlandaj vidu sur la 32a paĝo)..... 30 €
RET-INFO (12 monatoj) ..... 19 €
✓ [P] HEF.
**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro MG ..... 9 €
Individua Membro kun Jarlibro MJ (-T) ..... 22 €
Individua Membro plus abono al E-o MA (-T) ..... 55 €
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA) ..... 35 €
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto) ..... 21 €
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ) ..... 110 €
✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto. [P] Pedro A. Garrote; Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid; Banco Español de Credito (BANESTO), Konto: 0030 6002 74 0000901271.

# Aniĝilo por 2005

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Annumero: . . . . . . . . . . .
Adreso : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Poŝtkodo kaj urbo : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Tel. : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .
Naskiĝdato : . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . Retadreso: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

**Aniĝo :**

□ OM ordinara membro. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 30,00 €
□ kun junulkarto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 27,00 €
□ PM patrona membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 60,00 €
□ KM kolektiva membro . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 60,00 €
□ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25,00 €

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto*.
Kaj ĉiuj, ĝenerale, 10% rabaton en la aktivaĵoj organizitaj de Hispana Esperanto-Federacio.

**Pagmaniero :**

□ Bankordone (plenigu la malsupran formularon).
□ Enspezo en konton 0182-1252-31-0204011961 de BBVA (kunsendu spezilon).
□ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).
□ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: _ _ _ _ / _ _ _ _ / _ _ / _ _ _ _ _ _ _ _ _ _
Entidad Sucursal D.C Cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:
Nombre y firma del titular:

# Kristnaskaj kantoj en Esperanto



"Akordo", esperanta seppersona kantgrupo ekzistanta jam de 15 jaroj, lanĉis K-diskon kun kristnaskaj kantoj tradukitaj en Esperanton: "Kristnaska kordo". La disko entute enhavas 25 kantojn el diversaj lingvoj, stiloj kaj landoj. Ekzemple Britio, Usono, Nederlando, Germanio, Venezuelo, Ukrainio, Ĉeĥio, Francio, Hispanio.

Vera ĝuo estas aŭskulti en la klaraj voĉoj de Akordo la tre konatajn "Alestu fidelaj", Paca nokt'", "Aŭdu! aŭdu!", "Sub la visko", "La eta tamburisto"...

Manuel Pancorbo helpis ĉe la tradukado de la du aperantaj hispanlingvaj kantoj, unu el Venezuelo (Alegres pregonan), kaj alia el Hispanio (Rin, rin!).

Jen, sendube, tre bela donaco por Kristnasko!

*M. Zocato*

---



Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora